پس از آن، توان علمی، سیاسی و اقتصادی آمریکاست. این توان، گرچه روبه کاهش، اما هم‌چنان پابرجاست. اقتصادهای نوپا در آسیا و آمریکای لاتین می‌توانند رقیبان بالقوه‌ای برای این هژمونی مسلط باشند.

رواج انگلیسی افزون بر کشورهای انگلیسی زبان در برخی کشورهای دیگر زبان اداری و دوم است، و تعلق خاطر نیرومندی به ان وجود دارد. در همان حال الزاما به دلیل مشکلات املایی، سوادآموزی و اقتصاد آموزشی انگلیسی، تنها زبان آرمانی برای مردمی که به عنوان زبان دوم آن را پذیرفته اند نیست. اما مردم همه جا برای دسترسی به فرصت‌های بهتر علمی، اقتصادی و ارتباطی ناچارند که یک زبان میانجی را فراگیرند و هزینه‌ی آن را نیز می‌پردازند. و تنها زمانی حاضر به جایگزینی با زبان بهتر دیگری هستند که دستاورد اقتصادی ملموسی داشته باشد و با اراده ی سیاسی کافی پشتیبانی شود.

البته نباید انتظار چرخش بزرگی در کوتاه یا میان‌مدت داشت، اما می‌توان امیدوار بود که در برخی زمینه‌ها این رویداد را زودتر شاهد باشیم. طبیعی است که برای کاربرد اسپرانتو در زمینه ای مانند بازرگانی کار به این راحتی نخواهد بود، و نهادینه کردن آن دشوار است، ولی در زمینه ی گردشگری، برای نمونه کار خیلی آسان‌تر خواهد بود.

## عدم توجه دولت‌ها

کنش دولت ها در راستای سود ملی است. چشم‌داشت اقتصادی ملموس در کوتاه‌مدت عمده‌ترین انگیزه‌ی دولت‌ها برای شکل‌گیری اراده‌ی سیاسی آن‌هاست. محاسبه‌ی سود و زیان در بودجه ی آموزشی کار دشواری نیست، اما توجیه دستاوردها و از دست‌رفته ها در پیوند با جایگزین ی زبان خارجی یا دوم کاری ساده است و نه فوری. در ایران برای نمونه برای این‌که فرانسه جای روسی و انگلیسی جای فرانسه را به عنوان زبان خارجی نخست بگیرد به چند دهه زمان نیاز بود.

دولت و سامانه‌ی آموزشی در هر کشوری باید مجاب شود که آموزش اسپرانتو می‌تواند بار مالی آموزش زبان خارجی را به‌گونه‌ای قابل ملاحظه، هم برای دولت و هم برای خانوارها کاهش دهد، و افزون بر آن مواردی از قبیل پرورش ذهنی، بارآوری منطقی دانش‌آموز، و حتی تغییر نگاه به زبان ملی و روال‌مندتر شدن آن را نیز در پی داشته باشد.

## ناشناس بودن اسپرانتو برای همه‌گان

آگاه‌سازی، بی‌شک می‌تواند علاقه‌مندان فراوانی را برای این زبان فراهم آورد. این کار باید از سطح دانشگاه‌ها آغاز و به آموزشگاه‌های عمومی، آموزشگاه‌های زبان و رسانه‌ها کشانده شود.

آگاهاندن دولت ها و دست اندرکاران آموزشی کشورهای هدف باید بر این پایه استوار باشد که گرچه بازده آموزش رسمی برای آموزش زبان های خارجی از کشور تا کشور متفاوت است، اما روی‌هم رفته می توان گفت، که این بازده بسیار ناچیز و در بهترین حالت در حد آموزش پایه ی زبان است. حال اگر دانش‌آموزی به این حد راضی نباشد باید در آموزشگاه های خصوصی زبان‌آموزی کند. پرشمار بودن این آموزشگاه‌ها نیز به این دلیل است.

دولت ها باید نشویق شوند که برای بیش‌ترین صرفه ی هزینه‌های عمومی، آموزش زبان‌های خارجی در آموزشگاه‌ها را به اسپرانتو به عنوان زبان پایه محدود کنند، و آموزش زبان‌های دیگر را به خود دانش آموزان واگذارند، که به هزینه خود و بیرون از سامانه‌ی رسمی در آموزشکده‌های زبان‌آموزی خصوصی فراگیرند. رایگان نبودن آموزش زبان‌های بیگانه نیز می تواند دلیل خوبی برای بازده بالای آن ها باشد. هم‌چنین دانش آموز درمی‌یابد که برای داشتن بازده بالا باید پایه زبانی خود را نخست در اسپرانتو بهبود بخشد، و آنگاه به فراگیری زبان مورد علاقه خود روی آورد که این خود باز به سود اسپرانتو خواهد بود.

آموزش اسپرانتو می‌تواند از سطوح بالاتر آغاز و رفته رفته به پایه های پایین تر گسترده شود. روان شناسی گسترش اسپرانتو در آموزش منوسطه می‌تواند شامل گام‌های زیر باشد:

- معرفی زبان اسپرانتو به دانش‌آموزان و سرپرستان آن‌ها
- برپا کردن کلاس های آموزشی در ساعت های آزاد، به صورت رایگان یا با هزینه‌ای اندک
- معرفی و تهیه کتاب‌های اسپرانتو زبان برای کتاب‌خانه‌های آموزشگاه ها و مواد آموزشی به صورت نرم افزاری برای دانش‌آموزان
- راه‌اندازی هسته‌ای دوست‌داران اسپرانتو
- لابیگری تیم فرهنگستان اسپرانتو با دولت‌ها، و در نهایت تلاش برای گنجاندن اسپرانتو در برنامه درسی.

آموزش اسپرانتو در دانشگاه ها برای رشته های زبان یک ضرورت انکارناپذیر است، زیرا بازده آن برای دانشجویان رشته‌ای مانند پزشکی، مهندسی، علوم انسانی و دیگر رشته‌ها، و زمینه‌ها به ویژه از دید ریشه‌شناختی اسپرانتو می‌تواند در حد زبان لاتینی و زبان‌های هم‌خانواده‌ی آن چاره‌ساز باشد.

# IRANA ESPERANTISTO

IREA
Irana Esperanto-Asocio

**Kultura sezon-revuo en la persa kaj Esperanto N-ro: 10, Dua serio, Somero 2014**


## Naskiĝotago de Esperanto




# Esperanto kaj Traduko




Ĉiutage dum la frua mateno, legu iun interesan.

Dum kelkaj minutoj, ludu iun mensan ludon kiel ŝakon aŭ provu solvi puzlon.

Pensu pri interesaj ideoj kaj skribu ilin.

## Memhelpaj agetoj




## Irana Sekcio De ILEI

ESPERANTISTO IRANA

*Pajam-e Sabzandiŝan* (*Mesaĝo de Verdpensuloj*)

ISSN 1728-6174

IRANA ESPERANTISTO
Kultura kaj sendependa sezon-revuo internacia.

***

Bonvenas eseoj, artikoloj, raportoj kaj kontribuaĵoj kondiĉe ke ili ne estu publikigitaj antaŭe. Bonvenas kultur-temaj kontribuaĵoj ĉu en Esperanto ĉu en la persa.



**Kovrilo:**




**Persa kovrilo:**




**Grafikaĵo kaj enpaĝigo: Sabzandiŝan**

***

TTT-ejo : www.espero.ir
Retpoŝto: info@espero.ir

## E-a parto

**La plimulto da homoj mortas je 27, sed estas enterigita je 75"**



*Benjamin Franklin*

# Memhelpaj Agetoj

## *por pli bona vivado*

**Omid Rohanian**

**"Vi ne povas kontroli ĉiujn eventojn kiuj venas al vi sed vi povas elekti ne esti reduktita de ili"**



*Maya Angelou*

Kiel ajn optimisma vi estu, oni ne povas neigi la fakton, ke la vivo en ĉi tiu tera globo estas plena je sufero kaj doloro, kaj ni ĉiutage aŭ vidas aŭ travivas problemojn kaj suferadojn. Apud doloro, la globo ofertas multe da ĝojo, pozitiveco, trankvileco kaj riĉeco.

Budho diris, ke estas senutile forkuri de la doloro, aŭ avidi por ĝojo, ĉar tio finfine kreas suferon, konsidere, ke ĉio en la mondo estas ade ŝanĝiĝanta kaj esti dependa aŭ obsediĝi pri mortemaj kaj ŝanĝiĝemaj aferoj ne estas saĝa. Oni diras, ke doloro estas natura kaj bona sento kiu signalas vivecon de la korpo, kaj la maniero oni elektas reagi al doloro determinas ĉu li/ŝi suferos aŭ ne.

Alidire, deterministoj iele pravas, ke ni ne povas ŝanĝi la fizikan mondon kaj la sistemo trudas limigojn al la vivo, sed ni ankoraŭ havas certan gradon de libera volo, tio estas ke ni povas ŝanĝi nian sintenon kaj reagon koncerne la mondon. Ni ja povas koncentriĝi al la pozitiveco kaj riĉeco de la mondo kaj preterlasi aŭ malgravigi la negativajn aspektojn. Pro tio, oni diras ke "ŝanĝu vin kaj la mondo mem ŝanĝiĝos".

La demando kiu logike sekvas, estas "Kiel oni agu por minimumigi sian doloron?"

Tio estas tro ĝenerala kaj malfacila demando kaj plene pritrakti ĝin estas ekster la amplekso de la artikolo. Sed mi provos resume mencii kelkajn agetojn kiujn ni povus fari por plibonigi la kvaliton de la vivo. Ili ne estas strikte organizitaj, sed la fadeno kiu ligas ilin unu al la alia, estas la koncepto de "personaj principoj".

Mi unue iom parolu pri tiu koncepto. Oni serĉu ene kaj trovu la verajn valorojn kiuj donus al oni celon por vivi kaj kontentigos onin. Laŭbaze de valoroj kaj celoj, oni difinu la principojn. Principoj lumigas la vojon por ni kaj funkcias kiel kompaso kiu montras nian




lokon kompare al niaj celoj. Povus esti, ke ni fojfoje dekliniĝus kaj devojiĝus al malĝustaj vojoj sed la principoj ĉiam donus la eblecon al ni reĝustigi nin kaj reveni al la dezirata vojo. Mi, proprasperte trovis, ke elekti, havi, kaj vere observi principojn treege reduktas mian suferon kaj funkcias kiel motoro kiu antaŭenigas min al miaj celoj. Kiam ajn mi neglektis la principojn, cedis al senpripensaj delogoj kaj tentoj, mi multe suferis.

Por mi, la vivo estas mallonga oportuno esti feliĉa, helpema, potenca kaj estas tempo fascini vin. Mi alte taksas homan potencialon kaj mi celas vivi pace kaj feliĉe kun minimuma sufero. Laŭ tiuj celoj mi trovis kelkajn principojn kaj la serĉo estas komprenenble daŭra. Jen la principoj.




**A) Rilate al la korpo**

Eble ŝajnus banala aŭ tede sentimentala, sed **respekti la korpon** estas miaopinie grava principo. Respekto al la bezonoj de la korpo egalas al respekti vin mem kaj tio estas grava necesaĵo esti feliĉa. Fizike malforta korpo, batita de malsanoj ne fukncias bone kaj oni kiu ne havas kompaton al sia propra korpo, kiel povus esti bonkora al aliaj homoj? Kelkfoje, akcidentoj okazas al homoj kaj difektas partojn de la korpo, sed plejparte niaj konsciaj faroj igas damaĝojn, kaj fakte, nur niaj konsciaj faroj estas gravaj, ĉar ni nur povas ŝanĝi ilin kaj foje ne havas multan kontrolon sur akcidentoj kiuj ne ĉiam estas preventeblaj.
Malsana korpo kaŭzas multe da problemoj kaj fizikaj kaj emociaj. Oni povas plejparte eviti ilin. Jen kelkaj bonaj agetoj tiurilate:

:* *Ĉiutaga fizika ekzerco dum 20-30 minutoj*

Senmoveco estas fonto de multaj problemoj. Oni diras, ke se vi restus senmova por du semajnoj, viaj muskoloj tiel malfortiĝus, ke vi ne povus marŝi sen fizioterapio. Tiu ekstrema ekzemplo montras la negativan efikon de senmoveco sur la muskoloj.

Ŝviti dum ekzerco helpas al la korpo pritrakti streson kaj anksiecon, kaj plibonigas vian spiradon.

* *Almenaŭ 8 horoj de nokta dormo*

Tio vere helpas al via korpo. Sendormeco kaŭzas multajn problemojn kaj intensigas mensajn malsanojn kiel deprimon. Bona dormado donus multe da energio al vi dum la tago kaj vi povus pli bone koncentriĝi kaj funkcii.

* *Ne manĝu post 7 p.m kaj ne havu manĝetojn inter ĉefaj manĝoj*

Se ni kultivus la kutimon ne manĝi inter la ĉefaj trifojaj manĝoj ni povos eviti multe da problemoj, inter ili obezecon. Manĝi la tagmanĝon frue kaj malpeze ege helpas atingi kaj konservi taŭgan pezon.

* *Evitu fumadon kaj malmoderan uzon de alkoholaĵoj*

Kancero, Apopleksio, Alzheimer-malsano, Korinfarkto kaj multaj aliaj seriozaj malsanoj estas rekte ligitaj al fumado kaj ekscesa drinkado de alkoholaĵoj.




* *Evitu Sodaojn (angle: Soda)*

Tipa botelo da sodao havas 44 gramojn da sukero, aŭ preskaŭ 11 tekuleroj.

Bedaŭrinde tiaj trinkaĵoj estas ligitaj al denta kadukiĝo, renŝtonetoj kaj obezeco. Esploristoj ankaŭ jam trovis rilaton inter kosnumado de sodaoj kun malpliiĝo de osta denseco.

**B) Rilate al emocio**

Homo ne estas nur korpo kaj havas aliajn aspektojn. Emocio estas grava flanko de homo kiun oni devas pritrakti. Perturbitaj emocioj malhelpas al ni ĝui nian vivon kaj kreas multe da problemoj. Troviĝas kelkaj aferoj kiuj detruas emocian ekvilibron kaj eviti ilin estas grava.

* *Estu honesta*

Ĉi tio signifas, ke **estu vi mem**. Ne ŝajnigu esti alia homo. Ne pretendu tion, kio vi ne estas. Falsaj pretendoj kaj ŝajnigoj kondutas al streso kaj eventualaj problemoj. Esti honesta, signifas tion, ke ekzemple vi ne faru tion, kion vi ne ŝatas kaj ne diru tion, kion vi ne kredas aŭ akceptas.

* *Ĉiutage flankenmetu tempon por viaj ŝatokupoj*

Unu el la plej bonaj manieroj respekti vin, estas flankenmeti mallongan tempon dum la tago, nur por okupiĝi pri iu ŝatokupo, kiu ne necese estas rilata al via laboro. Ekzemple se





vi ĉiam ŝatis kaligrafion dum infanaĝo, estas bone se vi kelktempe flankenmetu tempon kaj engaĝi en la praktikon. Homoj kiuj havas ŝatokupon estas pli feliĉaj kaj anime ĉiam junaj. Kompare, homoj kiuj ĉiam zorgas pri seriozaj aferoj kaj nur klopodas por mono estas enuigaj kaj unuflankaj homoj. Povas esti, ke tiaj ŝajne negravaj ŝatokupoj povas esti evoluita en iun majstero-nivelan artaĵon. Oni devas ĉiam esplori siajn netrovitajn talentojn kaj amuziĝi.

### * Tute ignoru negativajn homojn

En ĉiu socio, troviĝas diversaj specoj da homoj. Parto estas feliĉa, kaj pozitiva, kaj oni volas konatiĝi kaj amikiĝi kun ili, parto suferas de malfeliĉoj kaj suferas pro diversaj malfacilaĵoj. Oni volas helpi ilin. Parto estas bona kaj helpema. Ili provas agi bone kaj helpi al la homaro, ĝuste kiel Zamenhof. Oni ŝatas ilin kaj aprezas iliajn klopodojn. Sed ĉiam troviĝas parto kiu estas simple malbona, negativa kaj detrua.

Mi pensas, ke ni ĉiuj konas homojn en niaj vivoj kiuj simple malamas nin kaj celas maltrankviligi kaj malfeliĉigi nin je iu ajn oportuno. Ili ne estas logikaj kaj argumenti kun ili nur pli malfeliĉigas vin. Ni ne povas toleri ilian agresivan kaj stultan kondutmanieron kaj ili ne aŭskultas al rezonado kaj neniam konscias pri sia negativa malvirta efiko. Ili pensas, ke ili neniam faras erarojn kaj infane serĉas kulpulojn por siaj problemoj.

Bedaŭrinde en nia socio troviĝas multe da tiaj homoj. Mi kelkfoje pensas, ke averaĝe 20-25 procento de homoj kiujn mi vidas ĉiutage estas tute netolereblaj por mi. Sed, kion fari por ne perdi energion batali tiajn homojn?

Multajn jarojn antaŭe, la fama persa poeto Hafez, skribis ĉi tiujn versojn:

آسایش دو گیتی تفسیر این دو حرفست

با دوستان مروت با دشمنان مدارا

***Trankvileco en la du mondoj, estas klarigo de ĉi tiuj du principoj***
***Kun amikoj, bonkorecon; kun malamikoj, ĝentilecon.***

Tio signifas, ke ni konscie serĉu amikiĝi kun pozitivaj homoj kaj ne batalu kontraŭ malbonaj malamikemaj homoj.

Troviĝas libro pri Joga "Yoga Sutras", kiu datiĝas je pli ol du mil jaroj antaŭe. En ĝi, oni legas:

"En homaj interrilatoj, la menso fariĝas pura per kultivi sentojn de amikemo al tiuj, kiuj estas feliĉaj, kompato por tiuj, kiuj suferas, bonvolo al tiuj, kiuj estas virtaj kaj indiferenteco aŭ neŭtraleco al tiuj, kiujn ni perceptas kiel malvirtajn aŭ malbonegajn."

En certaj cirkonstancoj fari tion estas vere malfacila, sed ĝenerale, oni tute ignoru kaj preterlasu tiajn homojn. Ignori negativajn homojn estas la plej bona maniero respekti vin mem. Doni mensan spacon al agresivaj stultaj homoj malfeliĉigas vin.

Tute simple eliminu negativajn homojn el via vivo. Vi ne ŝuldas al iu ajn, vi eĉ ne ŝuldas klarigon. Simple ignoru kaj haltu komunikadon kun ili kaj koncentriĝu sur pozitivaj bonaj homoj.

Bedaŭrinde ofte okazas tio, ke tiaj homoj estas tiuj, kiuj estas laŭdifine homoj proksimaj al ni, kiel gepatroj aŭ gefratoj aŭ parencoj. Eĉ tiam oni devas minimumigi kontakton kaj nur laŭbezone paroli kun ili.

### * Ne klaĉu kontraŭ homoj



Eĉ en la kazo de malbonaj homoj, neniam malbone parolu pri ili dum ilia foresto. Troviĝas bona kialo por tio. Religioj ankaŭ ofertas la saman konsilon sed la intencoj iom malsamas. Kiam oni priklaĉas aliulojn kaj negative parolas pri ili, oni plenigas parton de la mensa spaco kun malbonaĵoj kaj negativaĵoj, kaj tio dum la tempo povas krei mensajn malsanojn. Eviti tiun konduton vere helpas al resti emocie trankvila kaj sana.

**Daŭras**

Komikaĵo

# Ĉu vi scias anglan lingvon?

Mia amiko diris al mi:

- Ĉu vi scias anglan lingvon?

Kaj Mi diris:

- Jes

- Ĉu vi povas traduki tiun ĉi leteron?

- Bedaŭrinde mi jam lasis mian okulvitron.

- Mi havas aŭton. Mi portos vin al via hejmo por preni la okulvitron.

- Hieraŭ vespere mi estis ĉe onklino, la okulvitron mi lasis tie.

- Mi alkondukos vin al ŝia domo.

- Ŝia domo estas en Karaĝ(1).

- Ĝis Karaĝ ne estas longa vojo, tra ĉef-vojo dum unu horo ni iros kaj revenos.

- Mia onklino hodiaŭ matene iris al Usono ĉe sia filo.

- Al kiu ŝi deponis la ŝlosilon de sia domo?

- Al mia kuzino.

- La ŝlosilon ni deprenos de via kuzino, iros al Kraĝ, prenos la okulvitron kaj revenos, kaj la ĝardenon, ni ankaŭ akvumos.

- Mia kuzino hieraŭ nokte jam kverelis kun sia edzo, hodiaŭ la afero iras al disiĝo, do tiele vidiĝi ĉirkaŭ ili ne estas bone.

- Kiam revenos via onklino?

- Ŝia filo jam akiris al ŝi ses monatan vizon, eblus ĝin li pli validigi.

- Miaj amikoj havas okulvitrojn, ni ilin ekzamenos, eblus unu el ili esti bona.

- Neniam mi uzas okulvitrojn de aliaj, ĉia okaze, higienaj problemoj, viruso kaj tiuj ĉi aferoj ekzistas, vi certe komprenas.

Do, kion vi volas fari, vi ne povas malhavi okulvitron.

- Baldaŭ mi riĉiĝos, aĉetos la novan

- Mi kunportas monon, ĝin prunte donos al vi, ĵus hodiaŭ aĉetu la novan. Post la riĉiĝo redonu la ŝuldon.

- Ne estas facile, ni devas unue iri al kuracisto kaj preni la novan numeron de okulvitro.

- Mia bofrato estas okulkuracisto, ĵus nun ni iros al lia kliniko, sen vic-atende li kontrolos vin, donos la fort - numeron por okulvitro, ankaŭ li ne postulos honorarion.

Mi ne plu povis preteksti kaj diris:

- Ni iru.

La kliniko estis plenplena da homoj, kiuj apenaŭ vidis nin. Ni trapasis la amason, sen vic-atendi eniris en kabineton. Kelkaj protestis. La sekretariino diris:

- Puŝ-najlo eniris en lia okulo, urĝas (*Kiuj sen vic-atendi ekzameniĝas, havas puŝ-najlon en okuloj!*)

- La d-ro sidigis min sur tabureton kontraŭ la muro kaj diris:

- Ĉu vi vidas tiun ĉi ruĝan makulon sur la nigra plato?

- Mi nur vidas la nigran makulon. Mi daŭris:

- D-ro mi fidas al via vorto, certe sur tio plato ekzistas ruĝa makulo.

- S-ro d-ro ne ridis, mia amiko ankaŭ ne ridis.

- D-ro kontrolis mian okulon de malantaŭ komputila aparato kaj skribis la numeron de okul-vitro kaj guton por gutigi nokte antaŭ la dormo. Poste li alvokis sekretariinon kaj rekomendis ŝin ne postuli honorarion. Mi eliris el kabineto kaj sidis inter la amaso. Mia amiko per mia permeso restis ĉe kuracisto kvin-minute babiladi. Mia flankulo demandis:

- Kiom estas la honorario de la d-ro?

- Mi diris:

Volu demandi de s-ino sekretariino. Li iris ĉe ŝi kaj mi ekstaris kaj eliris la klinikon. Ekstere la aero estis plenoksigena kaj mi elspiris trankvile. Mi demandis min: "S-ro mensogulo! Se vi jam dirus la veron, ĉu vi mortus? Se vi dirus, ke vi ne scias anglan lingvon, ĉu vi deviĝus vicigi ĉenojn da mensogoj unu post la alia? Kaj fine vin turni al okulisto? Se vi ne dirus mensogon, kiu povus scii pri via malforta okulo kaj en juneco sen rezono logika uzi okulvitron." Mi alvenis al kruc-vojo. Fronte al mi en tria etaĝo granda tabulo pri angla lingvo altiris mian atenton kaj mi supreniris la ŝtuparojn. Kvin jarojn po tri fojoj semajne mi supreniris la ŝtuparojn kaj kvinfoje mi ŝanĝis la numeron de okulvitro. Post kvin jaroj mi nur povis aŭdi la informojn de BBC radio kaj spekti original-lingvan filmon. Amiko pri kiu mi longe ne havis informon, venis viziti min. Li demandis:

- Ĉu vi scias anglan lingvon? Kompreneble li serĉis tradukiston.

Mi ekvolis diri: Bedaŭrinde mi lasis okulvitron en la domo de kuzino sed ekvidis la okulvitron sur miaj okuloj!

**(1) Karaĝ estas urbo okcidente de Tehrano, El: Revuo Golaga**
**Tradukis: M. Fahmi**

# Jen Novaĵoj



1

## 8-a Mezorienta Esperanto-Kunveno

### Vizitu Tunizion kaj renkontu la nordafrikajn kaj mezorientajn esperantistojn

**Renkontiĝo de esperantistoj el nordafrikaj kaj mezorientaj landoj en Tunizio en la jaro 2015-a.**
*Temo*: **Tunizio: lando de renkontiĝo inter civilizoj.**
*Loko*: **Hammamet**
*Datoj:* **de la 28-a de marto ĝis la 2-a de aprilo 2015, inkluzive de postkunvenaj ekskursoj.**
*Programo:* **prelegoj, ekskursoj, artaj aranĝoj!**
**Tute aparta konkurso pri kono de la poemoj de la tunizia poeto Abu-al-Kasim Aŝ-ŝabi .**
*Aliĝoj kaj informoj ĉe:* **mezorienta.kunveno@esperanto.org**
**aŭ ĉe http://ttt.uea.org/vikio/index.php/**

2

## FESTO 2014: muziko en Esperanto kaj diversaj atelieroj

(JEFO). Ĝi okazas ĉiu jare dum aŭgusto en Okcidenta Eŭropo. Tiu festivalo kunigas homojn el ĉiuj aĝoj kaj landoj ĉirkaŭ komuna amo por muziko, interŝanĝo, kaj revo pri mondo sen limoj.

Se Esperanto estas internacia lingvo, muziko estas internacia gusto kaj estas dum FESTO kiam kuniĝas ambaŭ, kaj esparantoparolantoj kaj lokaj muzikgrupoj por miksiĝi.



La aliĝilo troviĝas ĉi-tie: http://www.alesk.eu/festo2014/aligo/

Venu por malkovri Okcitana-provencon kaj ĝui someran naturon, babili Esperante, trovi novajn amikojn dum belegaj koncertoj (ĴeLe, Zhou-Mack Mafuila, Platano, Melono, Patric, Fara Nume, Flankenpaŝo, Jim Petit, Môrice Benin, Lou Dàvi en Dub, Krio de morto) kaj akustikaj koncertoj, dumtaga atelieroj (Salikplektado, sledgitaro, fabelrakontado, kanto, kantoverkado, ukulelo, masaĝo, ktp.), rilaksi kaj viziti ĉirkaŭaĵon!

3

## lingvon oni lernas por utiligi ĝin ... kaj ne nur por babiladi pri ĝi !!!

**Scienca kaj Teknika Esperanto-Biblioteko, STEB** http://www.eventoj.hu/

La uzado en sciencaj kaj profesiaj kampoj tamen postulas – krom la entuziasmo – ankaŭ termin-arojn kaj fakajn esprimojn. Antaŭ ol verki iun ajn sciencan aŭ fakan artikolon oni devas konatiĝi kun la jam ekzistantaj terminoj, fakaj esprimoj kaj parolturnoj. Nia biblioteko STEB intencas helpi ĝuste en tiu tereno.




**Kelkaj artikoloj el Scienca Revuo:**
**http://www.eventoj.hu/isae/scienca-revuo/index.html**

Artikolojn de **FREŜAJ NUMEROJ** de Scienca Revuo vi trovas en la **papera** versio. Sciencan Revuon ricevas ĉiuj membroj de ISAE, aŭ vi povas aparte aboni ĝin. En tiu ĉi retejo estas troveblaj ankoraŭ nur kelkaj specimenaj, elektitaj artikoloj el ne ĉi-jaraj numeroj de Scienca Revuo. En la papera versio vi trovas plurfoje pli da materialo. Detalan enhavliston de la numeroj 163-195 vi povas trovi en la retpaĝoj de AIS. – Ni daŭre aldonas novajn artikolojn, kaj grandigas la kolekton de tiu ĉi retpaĝo.

**Fakaj libroj kaj verkoj en Esperanto:**
**http://www.eventoj.hu/sciencverkoj/index.htm**

**Sendis: Herman Deceŭninck**

**IREA Raportas:**




## Restarigo de Irana sekcio de ILEI

**La Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) aprobis en sia Konferenco, en Montevideo (Urugvajo), la restarigon de la Irana sekcio de ILEI (IRLEI).**

**IRLEI jam por multaj jaroj estis landa sekcio de ILEI, sed en lastatempaj jaroj estis dormanta kaj tio kaŭzis ke ILEI nuligis ĝian ekziston.**

**Post la okazigo de la unua Irana Esperanto-Kongreso (IREK), Laŭ la kuraĝigo de LEE Jungkee estis decidita refondi la Iranan Ligon de Esperantistaj Instruistoj.**

**IRLEI nun alvokas la instruistojn de nia lingvo kaj aliaj Esperantistaj instruistoj al kunlaboro kaj helpo por ke ni havu fortan kaj prosperan agadon.**

4

## Pri Esperanto-grupo en Vajbero

**H. Shafiee**

**Estas kreita Esperanto grupo en "Viber" por iranaj esperantistoj. Nuntempe partoprenas en la grupo ĉirkaŭ 70 personoj. Nur kelkaj tagoj post la fondiĝo de la grupo, venis proponoj pri okazigi Esperanto-kurson por partoprenantoj. Do, laŭ komuna decido, ni ekkomencis kurson laŭ regula plano je la naŭa post-tagmeze ĉiuvespere. La ideo estis bone akceptita kaj aktiva partopreno de la kursanoj kaŭzis ke ni atingu bonan rezulton. Nun estas planoj aldoni eksterlandajn partoprenantojn al tiu ĉi komunumo kaj tiel doni pli da motivo al la kursanoj. Menciindas ke en Viber la grupo povas esti maksimume 100 persona. Do, la limo kaŭzas ke la grupo pli harmonie lernu kaj praktiku la lern-objekton. Krome eblas sendi mallongajn video-klipojn kaj voĉ-rekordojn al la grupo. La novaj aliĝontoj estas bonvenaj. Interesantoj (iranaj aŭ eksterlandanoj) sendu siajn numeron aŭ kont-informon ĉe Viber al info(ĉe) espero.ir por aliĝi. Simila grupo estas kreita ankaŭ en "Whatsapp".**

4-1

**Elementa kurso de Esperanto en Saqez, Provinco Kurdestan**

**Okcidenta parto de Irano:**



La 6n de julio 2014 partoprenis 8 gelernantoj la bazan kurson en Sharif eduka kulturcentro. La gelernantoj tre ĝuis lerni E-on kaj esprimis ke Esperanto estas facila kaj dolĉa lingvo. Ili decidis daŭrigi lernadon pli altnivele. Alia kurso ankaŭ en "Alvan" oficiala tradukejo daŭras. La instruistino estas fraŭlino Shler Karimi, saqeza esperantistino.

4-2

**Baza kurso de Esperanto en Rasht, Provinco Gilan**

**Norda parto de Irano:**

En Kuchesfahan, Rasht la centro de Provinco Gilan okazis baznivela kurso pere de samideano Akbar Sedagat. La kurso konsistis el 8 partoprenantoj kiuj laŭ la lastaj raportoj estas lernantaj E-on.

4-3

**Seminario de Esperanto en Ŝiraz, Provinco Fars**
**Suda parto de Irano:**





Ŝiraz estas la centro de provinco Fars en la suda parto de Irano. Lunde la 16an de junio okazis seminario en lingvoinstituto "Zabane Farda" (= lingvo de Morgaŭ) per regado de s-ro d-ro Andalibi kiu perzentis E-on kiel internacia lingvo diversflanke al ŝirazanoj.

4-4

**Seminario de Esperanto en Nejŝabur, Provinco Ĥorasan**

**Orienta parto de Irano:**

Seminario far d-ro Maĝid Ĝaafari profesoro pri angla lingvo kaj literaturo en universitato Nejŝabur okazis dum kiu li prezentis nian lingvon por studentoj kaj siajn esplorojn tiurilate.

4-5

# Esperanto kaj traduko

**Golamreza Azarhouŝang**

Lingvo estas ege grava ilo por transformi informojn, sciojn, sciencojn, pensojn, spertojn, sentojn, kulturon, kaj artojn speciale kiam temas pri literaturo.

De tiam kiam homo komencis skribi, tiu transformado de informoj prenis pli gravan rolon inter homoj, ĉar oni ne plu bezonis buŝ-paroli kaj interkomuniki por interŝanĝi siajn ideojn kaj spertojn. Tiel pli rapide kaj facile ol antaŭe oni povas interŝanĝi siajn kulturojn kaj sciencojn. Tiu interŝanĝi donis ege gravan eblecon al ĉiuj popoloj en la mondo pli disvastigi siajn kulturon kaj sciojn kaj prontopreni en aliaj kulturoj kaj scioj apartenantaj al aliaj popoloj de la mondo.

De antikvaj periodoj, post apero de manskribaĵoj, tradukistoj, kiuj tiam ĝenerale ankaŭ mem estis aŭtoroj aŭ scienculoj, laŭ siaj interesoj aŭ ordono de potenculoj (kiel reĝoj) komencis traduki valorajn skrib-heredaĵojn de aliaj aŭtoroj, alinacie, por prezenti al siaj popoloj. Ĝuste de tiam komenciĝis la problemo de la elekto de anstataŭaj vortoj, kiuj povas bone esti kompreneblaj por siaj popoloj, sen miskompreno. Tiu problemo daŭre fariĝis pli serioza kun kresko kaj riĉiĝo de la lingvoj.

Traduko de iu lingvo al alia lingvo ne estas ĝenerale facila, sed kiam temas pri literaturo, tiu pli malfaciliĝas. Ĉar en kulturoj de ĉiuj nacioj estas multaj simboloj, mitoj, similigoj, metaforo, metonimio, amfibologioj, kalemburoj, alegorio, proverboj kaj aliaj ludmetodoj de lingvo. Pro tio, oni ne devas nur traduki rektan signifon de ĉiuj vortoj, sed devas bone scii ĝustan celon de la aŭtoro, por ke ne aperu multaj miskomprenoj kaj eĉ eble la kontraŭa signifo de la celesprimo de la aŭtoro.

Fakte por bone, korekte kaj fidele traduki iujn ajn librojn, artikolojn aŭ tekstojn necesas almenaŭ 4 kondiĉoj:

1- Bone scii la originalan lingvon
2- Bone scii la celan lingvo
3- Bone scii kaj koni la temon kaj enhavon (komprenaĵojn) de la traduk-teksto (libroj, artikoloj, prelegoj kaj paroladoj)
4- Bone scii karakteron kaj pensmanieron de la aŭtoro.

Sed por traduki la literaturon de alilingvo oni bezonas aliajn pliajn sciojn akj atentojn:

☞- Bone scii la stilon de la verko
☞- Bone komperni la muzikon kaj melodion de la elektitaj vortoj de la aŭtoro
☞- Kaj bone kapti lingvoludoj de la aŭtoro.

Ĉi tie mi ne volas diskuti pri lingvistikaj aferoj aŭ diversaj teorioj de traduko, kiu bezonas pli da tempo. Ekzemple, ĉu dum tradukado bezonas sekvi ĉiujn signifojn de la vortoj en la frazoj, aŭ ĉu nur enhavon kaj signifon de la frazo; ĉu traduki liberan komprenon de la frazoj, kaj fine ĉu devas pli atenti pri graveco de la melodioj kaj ritmoj de la vortoj aŭ ne? Ĉiukaze oni por bone traduki iun ajn tekston devas havi sufiĉe da anstataŭaj vortoj, ( ne nur rektaj signifoj de la vortoj sed ankaŭ malrektaj kaj profundaj konceptoj de la vortoj aŭ terminoj) en cela lingvo. Kaj tio estas tre grava por traduki ĝuste enhavon, signifon kaj teknikon de la aŭtoro.

Se mankas la anstataŭaj vortoj kaj terminoj, la tradukisto devas mem elekti aŭ novenkonduki la vortojn, kiuj estu ne tre strangaj aŭ fremdaj por legantoj de la tradukita verko. Pro tio, ne ĉiuj, kiuj eĉ bone kaj flue povas paroli ambaŭ lingvojn( originalan kaj celan ), kapablas traduki!

Ekzemple la Germana lingvo estas konata kiel filozofia lingvo, angla kiel scienca lingvo , franca kiel literatura lingvo, kaj persa kiel poezia lingvo. Do en iuj lingvoj oni havas multajn vortojn por bone esprimi siajn diraĵojn, komprenaĵojn k.t.p. Sed multaj aliaj nacioj ne havas sufiĉajn kaj ĝustajn vortojn kontraŭ tiuj vortoj en originala lingvo. Do, bezonas novaj vortoj kiuj antaŭe la popolo de la cela lingvo ne havis kaj ne konis tiujn ĉi vortojn.

Karakterizaĵoj de ĉiuj vivantaj kaj dinamikaj lingvoj estas ĉiam ŝanĝoj de la malnovaj kaj plu uzeblaj vortoj al pli bezonataj kaj uzeblaj nov-vortoj pro daŭraj ŝanĝiĝoj de la vivo, rilatoj, iloj, komprenaĵoj kaj sciencoj

k.t.p. Ju pli forta kaj dinamika la lingvo, des pli ŝanĝo de la vortoj kaj lingvo. Kiam rapideco de la kreo kaj novapero de la iloj, rilatoj kaj bezonoj de la vivo kreskas, oni bezonas pli da novaj vortoj. Tiuj nacioj kaj popoloj, kiuj malrapide antaŭenigas siajn vivon kaj kulturon (materie aŭ ne materie) mankas al ili vortoj kaj tiel influas kaj fluas la novaj kreitaj vortoj de originala lingvo al ilia lingvo. Nuntempe multaj novaj vortoj influas al diversaj lingvoj en la mondo kaj oni simple akceptas tiujn vortojn kaj miksas ilin kun siaj gramaktikaj reguloj ĝuste aŭ mise. Teknologiaj vortoj prenas grandan lokon tiurilate. Ekzemple la vortoj televido, radio, mobajlo (portebla telefono), aŭto, trajno, komputilo K.t.p.

Do, tiuj lingvoj, kiuj havas eblecon kaj kapablon ĉiam daŭre riĉigi sin kaj krei kaj renovigi vortojn por esprimi ĉiujn bezonatajn nomojn kaj komprenaĵojn laŭ radikoj kaj gramatikaj reguloj laŭ sia lingvo, tiu lingvo estas pli vivanta kaj dinamika. Komprenble kiam temas pri literaturo, neniu lingvo kapablas bone transfomi signifojn( surfacan kaj profundan) kaj ritmojn kaj melodion de la vortoj de originalaj lingvoj al sia lingvo.

Kiel oni povas traduki bele, ĝuste kaj profunde la poemon de Hafez el persa lingvo al aliaj lingvoj? Aŭ poemoj kaj teatraĵoj de Ŝekspiro aŭ Geothe al alia lingvo. Eĉ ekzemple la nunaj britoj ne konas multajn vortojn de la Ŝekspir-a periodo (tempo de Viktoria reĝino) kiu ankaŭ estas angla lingvo, sed la malnova.

Por pli kompreni mian diraĵon, eble bezonas kelkaj ekzemploj el persa lingvo:
La unua estas parto de iu poemo el Hafez:

فاش می‌گویم و از گفته خود دلشادم
بنده عشقم و از هر دو جهان آزادم

Tiun verson tradukis la mondfama kaj nobelpremia kandidato, William Auld skota poeto kaj esperantisto al angla lingvo kaj Esperanto. La esperanta traduko:

**Larĝe parolas mi, kaj pri l' parol' mi fieras**
**Sklavo de l' am' mi estas, en du mondoj mi liberas**

La angla traduko:

**Freely I speak, my words delight my heart**
**Love's slave am I, in two worlds play my part**

Oni povas tuj kompreni ke William Auld kiu mem estas lerta poeto, povis sukcese traduki la signifon de la verso kaj ankaŭ iom klopodi pri estetiko de la vortoj, sed kiam temas pri ritmo kaj melodio, tute estas alia. Kaj tio fakte ne estas lia kulpo, sed temas pri kapableco de ĉiuj lingvoj.

Nun alia parto de iu poemo de Nima Yuŝiĝ:

می‌تراود مهتاب
می‌درخشد شب تاب
نیست یک دم شکند خواب در چشم کس و لیک
غم این خفته‌ی چند خواب در چشم ترم می‌شکند

Traduko al Esperanto per mi:

**Eksudas lunbrilo**
**Lumigas luciolo**
**Ne estas iu momento, kiu ĝenus dormon de okulo de iu, sed**
**Tristeco de tiuj dormantoj, haltigas dormadon de miaj malsek' okuloj**

Hazarde en parto unu kaj du, mi povis elekti frazojn, kiuj havas saman nombron de la vortoj kaj literoj, gramtik-reguloj kaj ritmo, sed en aliaj du partoj, ne plu eblis.

Multaj lingvistikoj kritikas ke Esperanto ne havas kapablon, eblecon kaj sufiĉan historion por havi tiel riĉajn kaj perfektajn vortojn, kiuj donas eblecon kaj avantaĵon por bone kaj profunde traduki literaturajn librojn aŭ eĉ filozofiajn librojn kaj profundajn komprenaĵojn kaj signifojn. De iu flanko ili pravas. Ĉar Esperanto ankoraŭ ne estas tiel riĉa por havi ĉiujn vortojn kiel aliaj riĉaj kaj vivantaj lingvoj. Sed aliflanke ili ne pravas, ĉar ili ne atentas pri ebleco, vigleco kaj dinamikeco de Esperanto.

Kiam Ludoviko Zamenhof kreis kaj fondis la lingvon Esperanto, malpli ol 1000 vortoj estis uzataj por unuaj verkaĵoj, tamen tiu lingvo malgraŭ sia juna historio kompare kun longaj historioj de multaj vivantaj lingvoj, sukcese kaj nekredeble rapide kreskis kaj aperis multege da novaj vortoj, dank' al sia gramatik-regula potenco, kiu donas eblecon por preskaŭ ĉiujn vortojn multobligi, kaj pro fleksebla kapablo kaj vigleco, ankaŭ tuj povas preni proponitajn vortojn de aliaj lingvoj, kiuj povas facile kaj belege adaptiĝi kun Esperanto. Eĉ tiu karakterizo de Esperanto, kiu donas gramatikan karakteron al la vortoj per finaĵoj kaj ebleco de ie ajn meti ilin en la frazo, pli vastigas eblecon ludi kun vortoj dum literatura

tradukado, kaj doni zorgon por pli da ritmoj, melodioj kaj stiloj de verkoj de aŭtoroj de alilingvoj.

Mi pensas ke akademio de Esperanto, povas elekti ne nur unu vorton por ĉiuj mankantaj vortoj, sed ankaŭ elekti kelkajn vortojn kontraŭ unu signifo, ĉar tiel oni havas pli da ebleco por zorgi pri estetikoj de la vortoj kaj pli da kapableco por ĉefe literaturaj aferoj. Ekzemple en riĉaj lingvoj estas multe da vortoj. Ekzample por verboj, adjektivoj kaj adverboj kontraŭ unu signifo kiuj donas eblecon por bone elekti nesecan vorton por lingvoludo. Sed en Esperanto mankas tiu vasta ebleco kaj kapablo.

Mi kredas kaj esperas ke en frua estonteco ni havu tiel belan kaj riĉan lingvon, kiel ĉiuj pro avantaĝo de simpleco kaj diverseco, deziros traduki siajn kulturajn heredaĵojn en nian E-lingvon.

Fine, mi deziras doni ekzemplon pri mia sperto. Mi tradukis kvar literaturajn librojn el Esperanto al persa lingvo, kies originalaj lingvoj estis japana kaj hungara kaj ankaŭ kelkajn novelojn, kiuj aperis en literaturaj ĵurnaloj en Irano kaj cetere mi tradukis du medicinajn librojn, kies originalaj lingvoj estis japana kaj ĉina. Kiam temis pri sciencaj libroj, mi tre facile povis traduki ilin, sed kiam temis pri literaturaj verkaĵoj estis ege malfacile kaj almenaŭ mi ne povis laŭ estetika vidpunkto bone traduki ilin, kaj kompreneble por signifoj ne estis problemo.

Kaj lasta punkto temas pri Yumeiho, japana kurac-masaĝo, kiun mi lernis en Japanio kaj instruis tutmonde. Kiam d-ro Saionji volis disvastigi sian kurac-metodon tra la mondo, li pensis ke nur povas helpe de Esperanto pli rapide traduki sian libron al diversaj lingvoj kaj tiel disvastigi ĝin. Kaj li prenis la sloganon: "Esperanto por Yumeiho kaj Yumeiho por Esperanto." Tiu ĉi ideo estis ege bona kaj efika kaj li sukcese vidis ĝian fruktodonon. Li eĉ pro sia celo dungis Reza Kheirkhah, Iranan esperantiston por tiu afero kaj Reza laboris dum 8 jaroj kun li en Tokio. Lia libro jam estas tradukita al pli ol 30 lingvoj kaj mi mem prezentis ĝin en kvin kontinentoj kaj ĉirkaŭ 30 landoj, dank' al Esperanto kaj esperantistoj. Ĉu tiu ne montras kapablecon kaj eblecon de Esperanto kaj esperantistoj? Mi mem pensas ke jes!

## Artikolo pri la festo Tirgano

Tirgano estis la plej fama somera festo en antikva Irano (Perso). Ĝi estis tiel grava kiel Naŭruzo kaj Mehregano.

Laŭ irana kalendaro, en la 10a de Tir-monato (la 1-a de julio) zoroastrianoj celebras tiun tagon en Irano, sed bedaŭrinde nuntempe pro migrado kaj urba vivo oni festas simple. Dum antikva tempo kelkaj tagoj antaŭ la festo oni purigis la domojn kaj preparis tradiciajn kukaĵojn. La festo daŭris dek tagojn kunekun dancoj kaj kantoj.

Laŭ antikvaj mitoj de Persujo, post longa milito inter Irano kaj Turano, Manuĉehro La reĝo interkonsentis pri paco kun Afrasiabo la reĝo de Turano. Sed estis kondiĉo. Kiel kutime Afrasiabo volis trompi irananojn, pro tio li volas ke iranano pafu unu sagon kaj kie ĝi trafos tie estos la landlimo inter Irano kaj Turano.

Araŝo la heroo de Irano sur monto pafis la sagon. Laŭ onidiroj kaj rakontoj, li pro sia kredo kaj amo metis sian animon en sagon. Ĝi transsaltis mil kilometrojn. Kiam la sago trafis al jugland-arbon, tiam Araŝo forpasis. Irananoj honoris ĉi tiun tagon kiel memorfesto de Araŝo.

Ankaŭ laŭ mitologio Tiro havas alian signifon, ĝi estas la nomo de stelo de pluvo, ĝi aperas en ĉielo kaj anoncas bonan novaĵon "La pluvado-$_n$". Tiro ĉiam militas kun la sekec-demono por helpi kamparanojn.

Laŭ ĉiu el signifoj de Tirgano, ni lernas respekti naturon kaj scias kiom grava estis naturo kaj ties elementoj kiel akvo, aero kaj tero por niaj saĝaj prapatroj.

**El: Gahŝomari va ĝaŝanhaje Irane bastan**
**Verkis: Hashem Razi**
**Tradukis: Nader Zandi**

El: **libera folio**

SENDEPENDA MOVADA BULTENO

***Antaŭ 127 jaroj, la 14an de julio 1887 (la 26an de julio, laŭ la Gregoria kalendaro) en la presejo de Ĥaim Kelter (Varsovio) aperis 42-paĝa broŝuro "Internacia lingvo. Antaŭparolo kaj plena lernolibro (por Rusoj)". Ĉi tiun daton oni nun solenas kiel la naskiĝdaton de Esperanto.***

***Legu pli detale en La Balta Ondo: http://sezonoj.ru/2012/07/eo125/***

## Esperanto-tago en Irano, 127 jariĝo




**Irana Esperanto Asocio sendis mesaĝetojn (SMS Mesaĝoj) al ĉirkaŭ 400 esperantistoj kaj interesantoj pri la lingvo informigante kaj gratulante la 26-an de Julio, la Esperanto-tago. En sociaj grupoj tra la interreto ankaŭ okazis informo-dono pri tiu ĉi tago. En Tehrano, 12 esperantistoj kunvenis en IREA-oficejo por okazigi la kutiman "Monata Prelego"-n. La temo de ĉi-monata prelego estis FLAM-analizo. La ideo por prelegi pri tiu temo estis la projekto de UEA en kiu oni faris la analizon por la Esperanto-stato en Bulgario. En la kunsido, la vicprezidanto de IREA inĝerniero Hamzeh Ŝafiee unue prezentis informojn pri la analizo mem kaj ĝiaj specifoj, kaj poste estis diskuto pri la stato de enlanda movado. Fine estis konsentita ke la analizo iom pli estu prilaborota kaj la rezulton oni utiligu por difini strategiojn al plibonigo de la movada situacio.**

**De:**



**Kaj …**

## Antaŭaj numeroj disponeblas

Nomo:
Familia Nomo:
De numero: Ĝis numero:
Adreso:

Poŝt-kodo: Telefono:

E-poŝto:

Sendu la peton al la adreso:
E-poŝto: info@espero.ir

Bonan legadon,
***Irana Esperantisto***

**Ĝis:**



**Troveblas Ĉe: www.espero.ir**